Hamburg Esperanto



5/1992

Oktobro/Novembro

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.

Familia ekspozicio

28. Aŭg. - 6. Sept. 92

Hamburg

DU UND DEINE Welt

VI KAJ VIA MONDO

Familienmesse

28. Aug. - 6. Sept. 92

Hamburg

# Granda ekspozicio en Hamburg

**Hamburg (ehh).** La Landa Ligo Hamburg de GEA partoprenis en la ekspozicio **»Du und Deine Welt«**, kiu okazas ĉiujare en la Hamburgaj ekspoziciaj haloj. De la 28a de Aŭgusto ĝis la 6a de Septembro pli ol 250.000 homoj svarmis tra la Hamburgaj ekspoziciaj haloj por eltrovi kion novan oni prezentas por hejmo kaj libertempo. Inter la 1.000 ekspoziciantoj ankaŭ troviĝis la **Germana Esperanto-Asocio r.a.**, *Landa Ligo Hamburg*, kun granda informstando. (Tiom grandan standon ni ne povus pagi laŭ normalaj kondiĉoj, sed *Elsbeth Bormann* havas certajn rilatojn al la organizantoj...) **daŭrigo: p. 3**

## Enhavo



## Editoraĵoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, W-2000 Hamburg 26
✆ (040) 2 50 30 65
*Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, W-2000 Hamburg 50 ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, Hamburg 80*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 6/1992:**
**08-11-92**

## Averto

Legado
endanĝerigas
la stultecon!

## Oni imagu...

**ke post nur du monatoj ni jam sukcesis vendi preskaŭ 20.000 (en vortoj: dudek mil) de niaj kvarkoloraj varbfolioj (vidu la pasintan eldonon).**
***Estas vera miraklo, ĉu ne? Tamen ne estas tiom facile!***
**Al ni mankas persono, kiu povas transpreni la ekspedadon, ĉar ni planas novan eldonon de la varbilo.**
**Se ni sukcesos en nia strebado, ni ne nur eldonos pli bonan nov-eldonon, sed eĉ eldonojn en la Angla, Franca kaj Itala lingvoj!**

**Interesitoj (t.e. laboremuloj) skribu al:**
**Esperanto Hamburg**
**Klaus-Groth-Str. 95**
**2000 Hamburg 26**

**Ni ankaŭ ĝojas pri informoj aŭ proponoj, kiuj rilatas aspekton kaj enhavon de nia kvarkolora varbfolio**

## Francoj por Esperanto

En Francio okazis popola voĉdonado pri la kontraktoj de Maastricht pri la evoluo de la Eŭropa Komunumo. Grava punkto de tiuj kontraktoj estis la komuna mono, kiun politikistoj kiel s-ro Gauweiler malŝate nomis *Esperanto*-monon. La Francoj akceptis - kvankam "nur" je 51,5 % - la "Esperantiĝon" de Eŭropo...

BK

# Ekspozicio en Hamburg

*Daŭrigo de paĝo 1*

Germana Esperanto-Asocio ebligis al ni, aĉeti la necesajn ekipaĵojn per rimarkinda financa subteno, pro kiu ni estas tre dankemaj.

DU UND DEINE Welt

En komuna laboro de la Hamburgaj societoj, kiuj estas en la **Landa Ligo**, ni arangŝs la standon. Sur la muroj ni montris afiŝojn pri Esperanto, iom garnitaj per humuraj eldiroj. Sur bretaro ni prezentis superrigardon pri la Esperanta literaturo -de **Asteriks** ĝis **Zamenhof**. Apude, sur komputora ekrano prezentiĝis la bazaj gramatikaj reguloj de Esperanto en koloraj bildoj. Speciale magneta montriĝis nia afiŝa tabulo, sur kiu ni prezentis la celojn kaj intencojn de Esperanto per serio de facile kompreneblaj **bildoj** kaj **tekstoj**. En la fono ekzistis angulo por sidi kaj pli detale informi interesitojn. Sur tablo en la mezo ni prezentis multajn diversajn prospektojn, pri Esperanto ĝenerale kaj ankaŭ pri kvin diversaj kursoj, kiuj ofertu ion laŭ la diversaj inklinoj de la unuopaj interesitoj. Okazis **lotumado** por gejunuloj, en kiu eblis gajni senkostan partoprenon en "Schnupperkurs" (t.e. prova kurso). Pli ol **25** membroj estis pretaj, deĵori ĉe la stando. Ni estas speciale fieraj pri la **fervoro**, kiun portis niaj membroj al la komuna afero. Tiel entute estis investitaj pli ol **600 labor-horoj**. Nia investado vers estis sukcesa! Ni demonstris al la vizitantoj de la ekspozicio, ke Esperanto vivas, kaj ni estis surprizitaj pri la **granda intereso**, kiun speciale la junaj homoj montris pri la Esperanta movado. Speciale dum la semajnfinoj aroj de homoj sieĝis la afiŝan tabulon kaj aŭskultis. Kelkfoje nia stando de 16 Kvadrataj metroj **ne** estis **sufiĉe granda** por ĉiuj vizitantoj. Kelkaj estis skeptikaj, **multaj estis ravitaj**. Ofte la demandoj de vizitantoj igis nin pripensi: **Kial oni en amaskomunikiloj tiom malofte aŭdas ion pri Esperanto?**

VI KAJ VIA MONDO

-Kial oni ne instruas la lingvon en lernejoj kaj popolaltlernejoj?

**- Kial oni ne enkondukas Esperanton en EK?** Tio estus vere bonega afero. -

Ni tre ĝojis pri vizito kaj intereso de kelkaj prominentuloj de la privata televido SAT 1 kaj de Eŭropo-Unio, kiuj havis standojn en la sama ekspozicia halo. Multaj vizitantoj, kiuj petis pri pliaj informoj, skribis siajn adresojn en liston, kaj **60** eĉ aliĝis al la prova kurso, kiu okazis la 20an de Septembro. (Eĉ venis 25!)

La streĉiĝo estis fruktodona. Ni estas tre **feliĉaj** pri nia sukceso, kaj esperas ke multaj interesitoj venos al la diversaj ofertitaj kursoj.

DU UND DEINE Welt

Por la aro de Kunbatalantoj estis sperto, kiu plifortigis la senton de komuneco kaj la fervoron por Esperanto.

Ni denove volas kore **danki al ĉiuj**, kiuj agadis por la komuna celo.

Laŭ raporto de Bodo Schneider

# Singend und spielend Esperanto lernen

Ob Frischling oder alter Hase - **jeder** profitiert in unserer **Sing- und Spiel-Runde**!

Wir singen gemeinsam Esperanto-Lieder und ins Esperanto übersetzte internationale Lieder und spielen Sprach- und Gesellschafts-Spiele (natürlich ebenfalls in Esperanto).

Egal, ob Sie zu lernen beginnen oder Ihren Wortschatz erweitern oder ganz einfach Spaß haben möchten - kommen Sie freitags um 16:00 oder 18:00 Uhr ins Esperanto-Haus! Alle von 8 bis 80 sind willkommen, gerne auch Mutter/Vater mit Kind(ern)!

**Kontakt: Tel. 58 71 82**, Irmgard Karst

Ĉu Novulo aŭ spertulo - **ĉiu** profitos en nia **Kanta kaj Luda Rondo**!

Ni komune kantos Esperanto-kantojn kaj en Esperanton tradukitajn internaciajn kantojn kaj ludas lingvajn kaj sociajn ludojn (kompreneble ankaŭ en Esperanto).

Indiferente, ĉu vi komencas lerni aŭ deziras ampleksigi vian vortoscion aŭ simple volas amuziĝi - venu Vendrede je la 16a aŭ 18a horo al la Esperanto-Domo!

Ĉiuj de 8 ĝis 80 jaraj estas bonvenaj, volonte ankaŭ patr(in)o kun infano(j)!

**Kontakto: Tel. 58 71 82**, Irmgard Karst

# Sukcesa "Schnupperkurs"

Dimanĉon, la 20an de Septembro okazis la "**Schnupperkurs**" (prova kurso), kiun ni ofertis al la vizitantoj de la ekspozicio **DU und Deine Welt**. Per simpla lotumado - ĉiu rajtis senpage preni unu loton - eblis gajni senkostan partoprenon, anstataŭ pagi DM 20,-kiel kotizon. El la gajnintoj de la lotumado - estis 60 - venis al la kurso **21**!

Eĉ venis kelkaj, kiuj **ne** gajnis, tamen interesiĝis kaj pagis. Inter la 14a kaj la 17a horo la klubeja salono estis **sufiĉe plena**, ĉar krom la gastoj ankaŭ ĉeestis interesitaj membroj de la klubo kaj - kompreneble - la kursgvidantoj. Multaj (plejparte) **junaj homoj** aŭskultis al la klarigoj pri la Internacia Lingvo kaj ties avantaĝoj. Fine almenaŭ kelkaj decidis eklerni la lingvon. Ĉiu, kiu iam organizis kurson, scias, kiom malfacila estas varbado:

El **sesdek** personoj **ses** kursanoj vere estas bona sukceso! BK

# Diversaj Temoj

## Silezia Esperanto-Asocio

En 1992 estis fondita *Silezia Esperanto-Asocio* kun sidejo en Wrocław (Breslau). Ili kunlaboras kun **Movado de Liberaj Demokratoj** kaj **Silezia Genealogia Societo** (ambaŭ uzas Esperanton).

**Komuna adreso**:

Ulica Dubois 3

PL - 50-952 Wrocław 17

## Landa Ligo Schleswig-Holstein

Sabaton la 19an de Septembro okazis la fonda kunveno de la Landa Ligo Schleswig-Holstein de GEA en Lübeck. Post multaj jaroj, dum kiuj ne ekzistis landa ligo, nun tamen sukcesis la fondiĝo: Gvidos la landan ligon s-ino Lehmann de la grupo el Rendsburg. La venonta landa konferenco okazos en Kiel, komence de 1993. (HB)

# Voj-indikiloj

En la Hamburga urbo-parto Altona ĉi-somere, kiam neniu estis hejme, oni interŝanĝis nomŝildojn de iu strato. La lastan kvaronon de Virchowstraße (laŭ fama kuracisto) oni nun nomas **Karl-Wolff-Straße** - laŭ juna viro el Altona, kiu estis ekzekutita la 1 an de Aŭgusto 1933. Laŭ evidente falsaj atestantoj li estis juĝita kulpa pri atenco al Nazia demonstracio en Julio 1932, same kiel tri aliaj, *August*




*Lütgens*, *Walter Möller* kaj *Bruno Tesch*. La polico gardis la demonstracion tra tiu parto de Altona, kiu estis tereno de Komunistoj, laŭ la leĝoj de la ***Respubliko de Weimar***. La ŝtato pli atentis pri la komunistoj, ol pri la disvastiĝo de la Nazia teroro. La polico trankvile rigardis, kiam la 10an de Marto 1933 Nazioj nokte konkeris la urbodomon de (tiam memstara) Altona. La urbestro, *Max Brauer*, devis fuĝi. Per falsaj atestoj la Nazioj sukcesis, ke oni serĉis lin police en tuta Germanio pro "ŝtelado de la urba kaso". Li nur povis reveni el Usono en 1946 - kaj fariĝis urbestro de tuta Hamburg... Post kiam la ŝtato cedis en 1933, la ŝtato kaj la civitanoj toleris eĉ pli: La polico ne malhelpis atakojn kontraŭ homoj kaj objektoj. Oni akceptis la forigon de demokratio, de homaj rajtoj, de homa digno. Poste neniu protestis en 1938, kiam brulis la sinagogoj, kaj kiam la Judoj estis deportitaj.

En 1938 la polico nur rigardis...

Kaj en 1992 la polico nur rigardas, kiam en Germanio oni atakas homojn per ŝtonoj kaj fajro. La polico vane atendis ordonojn, sed la politikistoj ne havas koncepton. La cirkonstancoj estas komplikaj: FRG ne estas *enmigra lando*. La **sola** eblo por eniri estas, peti **politikan azilon**: Tion faras **miloj**, multaj pro ekonomia motivo; tro multaj por la administracio, kiu devas decidi, ĉu azilpeto estas pravigebla. Por azilpetantoj la ŝtato transprenas **ĉiujn kostojn** kaj donas **loĝejojn**. Multaj Germanoj koleras, ke eksterlandanoj ŝajne pli bone estas prizorgataj ol Germanoj, kiuj ne havas laboron nek loĝejojn. Kulpas la politikistoj, kiuj ne reagis al problemoj - sed eksterlandanoj estas la propekaj kaproj.

BK

# Kursoj en la Esperanto-Domo

En tiu ĉi jaro la unuan fojon ni prezentas ferian kurson en aŭtuno; dum tuta semajno:

**De la 5a de Oktobro ĝis la 9a de Oktobro**

de Lundo ĝis Vendredo ĉiam de la 10a ĝis la 18a horo

Dum tiuj kvin tagoj en grupa kunlaboro okazos lernado, praktikado, diskutoj, komuna manĝado kaj ludado.

La prezo de ***DM 200,-*** (lernantoj 150,-) inkluzivas lernolibron, alian materialon, 5 tagmanĝojn kaj trinkaĵojn.

---

**Ĉiu-semajna kurso** okazas
Merkrede de la 18a ĝis la 20a horo
kostoj: *DM* 150,- (resp. 75,-)

**Senstreĉa kurso** en Paroliga Rondo
Marde de la 17:30 ĝis 19:00 h
kostoj: *DM* 120,-

---

# El la universitato

Dum lasomera semestro 1992 denove okazis kurso pri "*Esperanto - Strukturo, teorio kaj praktikado de planlingvo*" ĉe la Hamburga universitato. La 2-horaj prelegoj/semajne efektiviĝis kadre de la **lingvistika fakultato** ĉiun vendredon de la 13a ĝia 15a horo, ekde la 10a de Aprilo ĝis la 10a de Julio. Ĉeestis komence **12 gestudentoj** el diversaj fakaroj (anglistiko, slavistiko, ĝenerala lingvoscienco, romana seminario, komerc-hispana seminario, politikscienco j,informadiko kaj biologio). Bedaŭrinde al la ĵus en la komenco de la semestro plurfoje pro festotagoj (nome la paska Sankta Vendredo kaj la 1a de Majo) interrompita kurso mankis la bezonata stimula efiko de la unuaj lekcihoroj. Sed laŭnombra "ŝrumpo" dum nedevigaj universitataj kursoj estas bone konata. Tamen restis kvin fidelaj studentoj (inter ili Hispano kaj Usonanino) ĝis la fino de la kurso.

La **dekano** de la lingvistika fakaro renovigis la "**universitatan instrukomisiitecon por Esperanto**" por la venonta(j) semestro(j), kvankam la ĝisnuna instrukomisiito estos pensiulo ekde Septembro 1992. Do ankaŭ dum la vintra semestro 1992/93 okazos la regula **Esperanto-instruado** (por studentoj el ĉiuj fakaroj) ĉe la universitato de Hamburg. La sekvonta universitata kurso komenciĝos **vendredon, la 23an de Oktobro 1992** je la 13a horo en la filozofo-turo (von-Melle-Park 6, kursejo n-ro 564).

*R Sachs*

# VHS Ahrensburg

Pro la pasintsemestra grandega sukceso en la Arensburga popolaltlernejo (kiam partoprenis la neatendite granda nombro de 22 geaŭskultantoj la Esperantokurson en Marto 1992), la estro de la lernejo denove anoncis similan kurson dum la **VHS-lingvoprogramo** 1992/93, titolita "**Enkonduko en la planlingvon Esperanto**" por la venonta VHS-semestro. La 14-horan kurson, kiu okazos je **du sinsekvaj semajnfinoj** (Vendrede, la **13**an kaj **20**an de Novembro je la 17a ĝis 20a horo; Sabate, la **14**an kaj **21**an de **Novembro** je la 15a ĝis 19a horo) gvidos denove nia klubmembro *Rüdiger Sachs*.

# NIA PROGRAMO 5/92

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30.
*Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00.
*Studrondo*: sabate en semajnoj kun para numero: 14:00.
*GIS*: ĉiun lastan lundon: 19.30 h.
*Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet.
*Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00.
*Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00.
*GIS*: jeden letzten Montag: 19:30.
*Paroliga Rondo*: jeden Dienstag: 18:30.

## OKTOBRO

| | |
|---|---|
| 1 | **Literatura vespero** *Karl-Heinz Hoffmann:* Humuraĵoj |
| 3 | *Studrondo* |
| 8 | *Hans Schütt:*  **Rememoroj de olda Esperantisto** |
| 15 | **Templin** (raporto) |
| 17 | *Studrondo* |
| 22 | *Frank Merla:* **Muzika vespero** |
| 26 | ***GIS-Kunveno*** |
| 29 | *Werner Bormann:* **Lingvoproblemo** en EK |

## NOVEMBRO

| | |
|---|---|
| 5 | *Hella Lanka:* diapozitivoj **La UK en Vieno '92** |
| 12 | *S-ro Rojas* el Argentino raportas pri **Kulturo de Indianoj** |
| 14 | *Studrondo* |
| 19 | **Diskuto pri klubaj aferoj** |
| 26 | *Wolfgang Löbel:* **Pola Pomerio** (diapozitivoj) |
| 28 | *Studrondo* |
| 30 | ***GIS-Kunveno*** |

## Zamenhoffesto 1992

La ĉi-jara Zamenhoffesto okazos Sabaton, la **12an de Decembro**.
La komuna festmanĝo komenciĝos je la 20a horo.

**Bonvolu anonciĝi por la manĝo ĉe**:
Elsbeth Wielgus
Tel. 25 29 36

# Deutscher Esperanto-Bund e.V.
## Landesverband Mecklenburg-Vorpommern

## Einladung
### zum 26. Wochenendseminar in Neubrandenburg

**Termin:** 06. - 08. November 1992 **Ort: "Haus der Begegnung"**
Friedrich-Engels-Ring, O-2000 Neubrandenburg (1. Haltestelle nach dem Busbahnhof)
**Beginn:** Freitag, 19.00 Uhr, **Ende:** Sonntag, 12.00 Uhr

**Zeitplan:**

| | |
|---|---|
| 06.11.92 | 19.00 - 21.00 Uhr |
| 07.11.92 | 09.00 - 17.00 Uhr |
| | 19.00 - 21.00 Uhr |
| 08.11.92 | 09.00 - 12.00 Uhr |

**Inhalt:**
- sprachliche Übungen
- Diskussionen
- Vorträge

alles in Esperanto, auch für Anfänger;
zugeschnitten nach Bedarf;
Aufteilung in Gruppen:
Anfänger
Fortgeschrittene
spertuloj.

**Anmeldung an:** Werner Pfennig
Fohlenwinkel 13
O-2000 Neubrandenburg

✂ - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

## Anmeldung

**Name** .............................. **Vorname** ..............................

**Straße** .............................. **Ort** ..............................

Verbindliche Anmeldung für Übernachtung: (ca. DM 30,- / Nacht)

☐ 06. / 07.11. ☐ 07. /08.11. (Bitte ankreuzen)

**Anmeldung bis zum 15.10.92!**

**Datum** ............... **Unterschrift** ..............................

# Alia provo, klarigi la participojn

Mi konsentas kun Benno Klehr, ke Esperanto estas memstara lingvo kaj ne bezonas gramatikan apogon de aliaj lingvoj, kaj ke participoj estas adjektivoj. La diskuto, ĉu participo estas verbformo, estas superflua: gravas nur, ke la radiko **antaŭ** *-a(n)t-, -i(n)t-, -o(n)t-* estas verba, do esprimas agon. Por klarigi la participojn, Benno Klehr ne volas uzi la nocion **tempo**, sed preferas **stato**. Bone, do: En *-a(n)t-, -i(n)t-, -o(n)t- (kaj eĉ en -as, -is, -os)* **a** signifas dum-agan staton, **i** post-agan staton, **o** antaŭ-agan staton. (Temas pri la ago de la verba radiko.) Krome: se la participo ne estas "izola" (kiel en *kaptita soldato*), sed predikata adjektivo (misgvide nomata "kunmetita formo"), la dum- resp. post- resp. antaŭ-eco de la stato estas relativa al tiu de la **predikato**. Tio validas indiferente, ĉu en la frazo "S-o estas A-ata" (resp. "...-ita") S estas anstataŭigata per ***knab*** aŭ ***maŝin***, kaj A- per ***bat*** resp. ***uz***. Tiu indiferenteco signifas simplecon, regulecon, senesceptecon.

Kontraŭe tio, kion Benno Klehr postulas, nome diskuti la aspektojn de ĉiu verbo, ĉu ekzemple bati komenciĝas antaŭ la unua bato (ho jes, mi opinias) ktp., por decidi, ĉu post *bat* uzi **ata** aŭ **ita**, tion mi nomas neregula sistemo de participoj: kun komplika (internacia?) klasifiko de verboj, kun sennombraj esceptoj (legu ekzemple pri klasifike hibridaj verboj en Plena Analiza Gramatiko).

*Rudolf Fischer*

# Kara leganto

Kelkfoje mi miris pri la alparolo "kara leganto" en kelkaj gazeto; kial ne kara**j** leganto**j**? Nun mi scias: El la multaj homoj, kiuj enmanigas kaj rigardas eldonaĵon, la plimulto nur plukas bezonatajn informojn. Verŝajne la inundo de presaĵoj ankaŭ en Esperantujo atingis punkton, kie la atento malaperas. Fakte estas unuopuloj, kiuj komplete legas ankaŭ nian bultenon. Do, kara leganto ***Rudolf Fischer***, mi atendis iom pli grandan eĥon al mia provoka artikolo ***malkuraĝaj lingvistoj***, ol unu (vian) respondon. Mi scias, ke mia artikolo enhavis kelkajn "erarojn" - sed la atendita reago de la legantoj bedaŭrinde **ne venis**. Verŝajne tio estas unu el la malavantaĝaj trajtoj de la Esperanta movado, ke ne ekzistas sufiĉa **lingva konscio** ĉe ĝiaj uzantoj. Aŭ eble male, tio montras, ke Esperanto estas uzata lingvo, kvazaŭ **natura** lingvo, kies uzantoj ankaŭ ne pripensas la gramatikon... Ĉu eble pri tiu temo pli da legantoj ŝatas skribi al la redakcio?

*Benno Klehr*

# La Ĉefurbo

Laŭ la decido de la federacia parlamento **Berlin** estas la **ĉefurbo** de Germanio. Tamen ŝajnas, ke eĉ ne la kanceliero vere volas tion. Li estas la persono, kiu laŭ la konstitucio fiksu la gvidadon de la politiko. Sed li ne diras: Mi iras al Berlin... Ĉu li eble tamen preferas la urbon Bonn, ĉar ĝi estas pli proksima al lia hejmo apud la Rejno? Ĉu al li la ŝatata ***porka stomako*** estas pli grava ol la bonfarto de Germanio? La onidiro, ke okazis **aneksado de GDR**, certe trovos pluajn subtenantojn, speciale en orienta Germanio, kie oni **kredis ĉion**, kion la kanceliero promesis, se ne baldaŭ la politika vivo de Germanio fakte translokiĝos al Berlin.

Dum kiam ĉio ankoraŭ estas direktita de la okcidento, ne povos okazi pliboniĝo en la oriento. Orienta Germanio ne povas resti **kolonio** de la okcidento! La **koloniismo** pasis! Unuiĝo signifas **samecon**.

Do, politikistoj, foje respektu la volon de la popolo!

BK

# Latvio: ŝtato reviviĝas



**Latvio** estas la dua plej granda lando el la tri Baltaj respublikoj, kun areo de 63.700 kvadrataj kilometroj kaj 2,68 milionoj da enloĝantoj. La Ĉefurbo nomiĝas **Riga** kaj havas 900.000 enloĝantojn. Ĝis 1990 la lando estis parto de *Soveta Unio*. Granda parto de Latvio estas agrikulture uzata. La industrio okupiĝas pri elektroniko kaj fajna mekaniko. La havenoj ĉe la Balta Maro estas tre gravaj.

**Historio**: En la 11a jarcento estis fondita Cisterciana monaĥejo apud la enfluejo de la rivero **Dvino** en la Baltan Maron. La monaĥoj komencis Kristanigi la regionon. En 1201 estis fondita La Episkopejo Riga, en la urbo validis la Germana (Lubeka) Juro. En 1282 Riga fariĝis membro de la **Hanso.** La **Germana Kavalira Ordeno** en 1336 konstruis kastelon en Riga kaj regis la tutan regionon, nomita **Livlando**. La grandaj potencaj landoj ĉirkaŭe daŭre disputis pri tiu grava apud-mara regiono. Post 1561 Livlando fariĝis parto de Litovio, en 1569 de Pollando kaj en 1831 de Ruslando. Post la unua mondmilito la unuan fojon Latvio estis **memstara ŝtato.**




Per la kontrakto inter *Hitler* kaj *Stalin* de 1939 Latvio fariĝis parto de *Soveta Unio* en 1940. Estis loĝigitaj Rusoj en la lando, por rusigi ĝin. Tamen Latvio ne fariĝis rusa, sed konservis proprajn kulturon kaj lingvon.

Hodiaŭ la lando suferas je grandaj ekonomiaj problemoj, kiel ĉiuj aliaj iamaj Sovetaj respublikoj. Tamen oni esperas, ke la **proksimeco** al Skandinavio kaj al Germanio povas iom plifaciligi la reviviĝon de komerco laŭ la tradicio de la Hansaj urboj. Fakte al ni en norda Germanio la urbo Riga ŝajnas iel konata: Ĝi aspektas tiel, kiel aspektas malnova Hansa urbo. La **katedralo** estas konstruita el brikoj. En ĝi troviĝas la plej granda orgeno de Eŭropo, kun 6768 fajfiloj. La preĝejo de **S-ta Petro** el la jaro 1209 estas la plej malnova konstruaĵo de la urbo. Ĝia ligna turo kun alteco de 137 metroj estas la emblemo de la urbo.

*Benno Klehr*

# Text der Gründungsvereinbarung

**Vereinbarung** zwischen dem Esperanto-Verein Hamburg e.V. (HES) und dem Arbeitskreis Internationale Sprache Esperanto (AK):

1) HES und AK bilden gemäß Vorstandsbeschluß vom 28.02.1985 (HES) und Beschluß der Geschäftsführung des AK vom 8. Februar 1985 den Esperanto-Landesverband Hamburg (LV) im Deutschen Esperanto-Bund e.V. (DEB). HES stützt sich dabei auf § 2(1) seiner Satzung. Dieser LV ist die regionale Untervereinigung des DEB im Bundesland Freie und Hansestadt Hamburg nach Artikel 5 Absatz 5 der Satzung des DEB.

2) Mitglieder des LV sind die Mitglieder von HES und die Mitwirkenden des AK. Der AK hat über seine Mitwirkenden eine Liste aufzustellen und fortzuschreiben.

3) Ziele des LV sind:

a) die gemeinsame Förderung der internationalen, insbeaondere europäischen Verständigung unter den Menschen durch Erleiterung des Verstehens mittels einer neutralen Sprache,

b) die konkreten Aufgaben nach Ziffer 9.

4) Die inneren Strukturen beider Organisationen wie Mitgliederrechte, Vorstandsaufgaben, Finanzwirtschaft usw. bleiben ihnen selbständig vorbehalten.

5) Der LV erhebt keine Mitgliedsbeiträge.

6) Die Mitgliederrechte im LV werden durch eine Delegiertenversammlung wahrgenommen. Diese ist auch der Vorstand (Landesvorstand).

7) Die Delegiertenversammlung (DV) tritt mindestens zweimal jährlich zusammen. Ort und Zeit werden in HES und AK rechtzeitig angekündigt. Ihre Sitzungen sind öffentlich. Mitgliedern und Gästen kann Rederecht gewährt werden.

8) In die DV entsenden HES und AK je zwei ihrer Mitglieder, darunter die Vorsitzenden. Diese vier Personen wählen eine fünfte Person, die die DV leitet. Im Falle einer Verhinderung tritt an ihre Stelle ein anderes Mitglied der DV.

9) Aufgaben der DV sind:

a) die Wahl ihres fünften Mitgliedes, dessen Vertreters sowie eines Mitglieds für Protokollführung und -aufbewahrung und LV-Korrespondenz,

b) Absprachen zwischen HES und AK über die laufenden Maßnahmen und Tätigkeiten zur Vermeidung von Doppelarbeiten und zur Stärkung der Zusammenarbeit,

c) Beschlüsse über die Verwendung einkommender Spenden,

d) die Wahl des LV-Vertretzers in den Verbandsrat des DEB.

10) Mit beratender Stimme können an den DV teilnehmen:

a) der LV-Vertreter im Verbandsrat des DEB,

b) je ein Vertreter anderer in Hamburg tätigen Esperanto-Organisationen,

c) Vorstandsmitglieder überregional tätiger Esperanto-Organisationen.

- Es folgen die Unterschriften von Benno Klehr (HES) und Gerhard Hein (AK). -

**Erläuterung:**

Die Vereinigung der *Eisenbahner-Esperantisten* ist dem Landesverband beigetreten.
Sie entsendet einen weiteren Delegierten in die DV (augenblicklich Klaus Böhnke).
Der Arbeitskreis (AK) hat seine Arbeit eingestellt. An seine Stelle im Landesverband ist die *Gesellschaft für Internationale Sprache e.V.* getreten.
Mitglieder der DV im September 1992: Dr. Werner Bormann (Vorsitzender),
für HES: Benno Klehr und Hannelore Brunow,
für GIS Dr. Bodo Schneider (Geschäftsführer) und Elsbeth Bormann, für GEFA Klaus Böhnke.

# Märkische Allgemeine Zeitung: "Mi salutas vin" Esperanto in Templin

Um die Jahrhundertwende wohnte in der polnischen Grenzstadt Bialistok der Augenarzt Ludwig Lazarus Zamenhof (1859 - 1917). Dort, im Vielvölkereck, mußte er nach blutigen Auseinandersetzungen, die Sprachbarrieren der Menschen erleben (ein leider äußerst aktuelles Thema). Er knobelte, um dem abzuhelfen, aus vorwiegend lateinischen und romanischen Wortstämmen das Esperanto zusammen. Heute sprechen über drei Millionen Menschen auf der Erde diese äußerst einfach zu lernende Sprache. Auch im Kreis Templin sind einige Enthusiasten dem Esperanto mächtig. Im Kulturbund des Kreises arbeitet seit langem eine Esperantogesellschaft, die vormals über 20 eingetragene Mitglieder zählte. Diese hatte am vergangenen Wochenende Besuch aus Hamburg. Esperantisten aus der Hansestadt trafen sich am Samstag bei der Familie Köppen im Wilhelm-Busch-Weg, um, natürlich in Esperanto, ihre Erfahrungen auszutauschen. Frau Hannelore Brunow konnte als gebürtige Templinerin über verwandtschaftliche Beziehungen die Kontakte wieder herstellen, die nun ausgebaut und gepflegt werden sollen. In Templin bemühen sich um die Sprache insbesondere Herr Horst Steinbrück aus Warthe und Frau Annemarie Senf. Wer diesbezüglich Ambitionen hat, ist im Club der Esperantisten stets willkommen.

"Mi salutas vin" (Ich begrüße Dich), wird er dort als erstes zu hören bekommen.

*Gerd Benedix*



"Ekskurso al Templin". Unter dieser Schlagzeile berichtete Hannelore Brunow (auf dem Bild 3. v. rechts) in der Fachzeitschrift "Esperanto" - Hamburg - über ein Treffen der Sprachfreunde in der hiesigen Kreisstadt. Horst Steinbrück und seine sieben hanseatischen Esperantogäste fanden freundliche Aufnahme bei der Familie Köppen, bei der sie sich auch auf diesem Wege für die Gastfreundschaft herzlich bedanken möchten. *Foto: MAZ/Benedix*

**Rim. de red.:**

Bedaŭrinde mankas la dato de la publikigo (Junio 1992).
Mi klopodis ekzakte kopii la tekston el la gazeto *Märkische Allgemeine - kun ĉiuj eraroj - esperebla sen aldoni pliajn.*
Jen alia pruvo, kiom malfacila estas la Germana! BK